

# LA VERDA LUPEO



6(85) INFORMILO DE ELF-AREK 23a jaro 1991

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im BdPh e.V.

Esperantista Grupo de Boulogne-sur-Mer

CARTE POSTALE

Ce côté est exclusivement réservé à l'adresse

POŜTA KARTO

M P. Fruictier
27 Bd Arago
Paris

Sub la prezido de Doktoro Zamenhof
1a Internacia Kongreso
en Boulogne-sur-Mer
(3-13 Aŭgusto 1905)

1a UK 1905

Filatelaj juveloj el la 1-a kaj 2a UK´oj
(en la aventura arkivo de nia Amouroux)

IIa KONGRESO UNIVERSALA DE ESPERANTO

GENEVO. 28a de Aŭg. - 6a de Sept. 1906a

Loka organiza Komitato.

POŜTA KARTO
(Carte postale)

Al Presa Esp. Societo
33. Lacépède
Paris V

2a UK 1906

# NI PRI NI



## Pri kotizoj

Nun nia Paulsson sciigis, ke la sveda poŝto de ĉiu monsendaĵo el eksterlando forprenas 20 svedajn kronojn!!! El viaj 60 kronoj, do restas por nia kaso nur 40 svedaj kronoj! Granda bato! Ni pripensas, kiel tion eviti? Por plene prezenti tiun dilemon: Se mi el iama GDR (nuna FRG) volas per poŝto sendi 60 kronojn al Svedujo, mia poŝtejo postulas DM 10,-- por ekspeda tarifo... t.e. jam 40 svedaj kronoj! Kia sensencaĵo: mi pagas "afrankon" de 40 kronoj kaj Paulsson pagas 20 kronojn por akiri la monon. Tio sume jam estas la plena kotizo de 60 svedaj kronoj..., kiu ne atingas nian kason!!

## La redaktoro dankas

Koran dankon al ĉiuj geamikoj, kiuj kontribuis al la paĝoj de tiu ĉi LVL. Dankon ankaŭ al tiuj, kiuj kuraĝigis min por daŭrigi la redaktadon. Kaj grandan dankon al nia Richard Hirsch (pr.:Hirŝ), kiu ekscelente aranĝas miajn manuskriptojn. Multaj tion opiniis.

## ELF-AREK dankas,...

al Hirsch, kiu sukcesis aperigi nian LVL 84 kaj ekspedi ĝin sen iu ajn pago flanke de nia klubo!! Tio estis eble pere de pago de Germana Filatelista Asocio por abonoj kaj pere de enspezo el pagita anonco de pm-komercisto.

## Pri la vorto AREK

Iam iu tre saĝa E-isto en iu E-gazeto meditis pri mallongigoj de E-aj organizoj kaj trovis la vorton AREK vort-monstro. Nun mi trovis tiun-ĉi vorton "Areko" en la Ĉina-Esperanta vortaro (1985) sub la ideogramo "bing", Bing-lang = betelopalmo aŭ: areko, areknukso. Montriĝis, ke ni havas nomon de bela (kaj utila) arbo.

## Aktiva Shengtan

Ekde februaro 1989 li estas membro de la Ĉina Provinca Filatela Juĝantaro kaj jam plurfoje agadis sur tiu ĉi kampo. En novembro 1990 li partoprenis kiel delegito en la 3a Tutlanda Filatelista Kongreso de Ĉinio kaj ĉion nur pro sia E-filatela agado. Gratulon!

# STAMPOBANKO

## Nia stampobanko informas

Ampleksa listo pri la posedaĵoj de la banko atingis min de Heimlich. Se al vi io mankas, kaj se vi havas eblecon pagi, nepre petu de li tiun liston kun aldono de valida IRK.

# EKSPOZICOJ KAJ NI



## Finnlandia 91 - Östermann

Sinceran gratulon al nia kara Terttu Östermann pro akiro de "Granda Vermeila Medalo" en la finna nacia pm-ekspo 1991. Ŝi tie

partoprenis per ŝia ekspozaĵo "Mondlingvo Esperanto". En tiu ekspozicio partoprenis plej altnivelaj ekspozaĵoj el ĉiuj skandinaviaj landoj.

### Omnifia 91 - Maatmann

Koran gratulon ni ankaŭ direktas al nia kluba amikino Maatmann en Nederlando. Ŝi ricevis arĝentumitan bronzan medalon por ŝia E-filatela ekspozaĵo. Tiu nacia pm-ekspozicio okazis 13 - 14 aprilo 1991 en Haarlem (NL).

### CHINAPEX 89 - Shengtan

Kun sia ekspozaĵo "Esperanto ekzistas ĉie en la mondo" nia Shengtan partoprenis en la nacia ĉina fila-ekspo CHENIPEX 89 kaj akiris por ĝi vermeilan medalon. Ni kore gratulas.

En juni 90 li partoprenis sukcese ankaŭ en la provinca ekspo de Chengdu!

## STAMPOJ

### Pri la RA 1 (EFIR)




Trovita tiu stampo estis 1981 de nia Vana, Li akiris koverton poŝte ne vojaĝintan. En LVL ni montris la bildon de la stampo, eble "riparitan" pro malbona stampkvalito, kaj en LVL 53 kaj 55 ni pridiskutis tiun stampon. Iom pli poste nia Amouroux trovis noton en malnova E-gazeto de IEL, ke Argentina E-Ligo partoprenis en tiu EFIR, kaj ke tie oni uzis E-stampon. Hodiaŭ leviĝas la demando, kiu uzis tiun stampon, ĉu la poŝtejo en la ekspo aŭ ĉu la E-istoj.
Nun okazis, ke nia Simon komparis siajn argentinajn posedaĵojn kun la bildoj en la Hirsch-katalogo, kiu fontas el niaj pli fruaj katalogoj kaj LVL`oj. Simon trovis, ke lia RA 1 posedas alian tekston ol tiu, kiu lokas en la katalogo. Nome: INTERAMERIKO FILATELIKA EKSPOZICIO. La demando estas, ĉu ni eble siatempe malbone "riparis" la stampotekston, aŭ ĉu la Vana-posedaĵo estas variaĵo.

kun korektita teksto. Eble Vana peros al mi kopion? Dankon al nia Simon, kiu sciigis pri sia posedaĵo!

### Pri RA 5

Ankaŭ en la jaro 1981 okazis, ke nia siatempa kluba amikino Bellalta Cusso trovis koverton kun fragmenta E-stampo ĝisdate nekonatan.



VII CONGRESO
ARGENTINO






RA 5

Ŝi opiniis, ke temas pri ms de la 18a Nacia E-Kongreso. La dato en la stampo estas absolute ne legebla, kiel kutime en la argentinaj stampoj de tiu tempo (poŝta servo!!). Do, LVL 55 en la jaro 1981 montris ĝian bildon, kaj nia sta-katalogo 1983 parolis pri la 18-a Nacia E-Kongreso. Konsekvence la Hirsch-katalogo transprenis tiun informon. Nun Simon trovis en sia kolekto tiun stampon, kompletan (?) sur poŝte vojaĝinta koverto. Ni vidas, ke temas pri VII CONGRESO - JUVENIL DE ESPERANTO. Ĉu JUVENIL eble signifas JUNULARA? Mi ne scias. Certe ni tion solvos. Dankon al vi, kara Simon, pro via sciigo kaj kunsendita fotokopio!

| BR 7 kaj 9 |

Nia amiko James Rezende Piton skribis al mi i.a.: "...Kun Drucker mi opinias ilin nepoŝtaj kaj kun ni, ĉiuj demanditaj brazilaj filatelistoj... . Jam en la jaroj 1939/40 95% el ĉiuj brazilaj stampoj portis la vortojn: "CORREIOS" aŭ "CORREIOS E TELEGRAFOS" kaj nun: "ECT aŭ DCT (POŜTO, POŜTO K TELEGRAFO, ENTREPRENO DE P k T, DEPARTEMENTO DE P k T). La stampkatalogo Zioni ne citas tiujn du stampojn...".

UNUA JUNECA EKSPOZICIO FILATELIA

B. HORIZONTE BRAZILO 1939 - JUNIO

BR 7



1840 - 1940
JARCENTO DE LA POŜTMARKO
FILATELIA EKSPOZICIO.
Minas Gerais-Brazilo.

BR 9

Kara Piton! Unue dankon pro via letero. Ni jam kelkfoje tuŝis la problemojn de brazilaj stampoj. Plej bonan respondon pri ĉio donis nia amiko Simon per n-ro 63 LVL. Tiu Zioni-katalogo ne estas la pinto de filatela scio. Ekzemple 2, 3, 5, 6, 10 estas montritaj, sed mankas en la teksto. Eĉ la plej duba: JUNECA EKSPO, verŝajne estas propaganda poŝta, ĉar havas identan fraton en brazila (pardonu) lingvon. Ĉu la nova Zioni nun citas nian BR 4 ?

| Pri la TJ 1 A k.T 1 Aa |

Nun skribis nia Son Shengtan "...unu el ambaŭ estas E-st., uzita 25.4.1959. La dua estas sen E-stelo, uzita 26. kaj 27.4.1959. Pri la E-sta informis la filatelaj gazetoj: "Suzhou Jiyou" kaj "Changshu Jiyou", pri la dua "Jiyou Bolan", filatela gazeto de la "Pekina Filatela Asocio..." Bv. sciigi la n-rojn de la gazetoj. Kiu posedas originale poŝtan sendaĵon kun tiu sta? Ni petas pri kopio!




TJ 1A




TJ 1Aa

TJ 1990-33 A - Jiangmen

La 11-A AZIA SPORTKUNVENO. Farita de Jiangmen-a PTO. Desegnis Xie Xing. Dua oficiala poŝta stampo por la sama evento kiel 90-33. (Vidu LVL 83, p. 9+12). Poŝteco konfirmita al Kajĝi post enketo.

TJ 1991-33





TJ 1991-33 A

TJ 1990-42+42A - Nanjing

Nanjing: 1990.10.09: 21-a Munda poŝttago, presita
Nanjing: 1990: 21-a Monda poŝttago, stampita





TJ 1991-42 A

TJ 1990 - 43 - Xinhui

La 4-A EKSPOZICIO DE POŜTMARKOJ DE XINHUI/LA FILATELA EKSPOZICIO DE YU YAWANG PRI MONDA ANIMALO. Desegnis Xia Shaoxing. Eldonis PTO Xinhui. E-a memorkoverto kun n-ro XH 13. 1990.10. 26-29.

Yu Yawang estas 85-jara ĉina veterana filatelisto.




TJ 1990-44 - Xinhui

1990.12.30 LA 5 JAROJ DE XINHUI-A FILATEL- ASOCIO: Xinhui-a PTO. Desegnis Xie Shaoxing. E-a memorkoverto kun n-ro XH 14.



TJ 1991-01 - Jiangmen

Jiangmen, 1991 januaro 01 ĝis 30a de novembro.

MONKONTRIBUAS AL LA 1-A MONDA VIRINA PIEDPILKA ĈAMPIONECA KONKURSO: Projektinto de E-a memorkoverto kaj stampo: Xie Shaoxing. Eldonis: Jiangmen-a PTO. N-ro de la memorkoverto: JF 29, eldonkvanto: 1000 ekz.. Jiangmen-a E-istoj aperigis la E-koverton por subvencii la konkuradon (ne korekta termino en la sta). Ĉina MPT aperigos memorigan pm-serion por tiu evento, kiu okazos en pluraj urboj kaj gubernioj de la Guangdong-provinco. Mi supozas, ke aperos tuta vico de E-a stampoj.

Bildo sekvos en LVL 7(86)

La Ŝafa Jaro (aŭ: La Kapra Jaro)

La jaro 1991, laŭ la ĉina luna kalendaro estas la "Jaro de la Ŝafo". Ŝafo, kapro, antilopo k.a. bestoj posedas la komunan ideogramon "Yang". La "Yang"-ideogramo ne estas precize tradukebla Esperanten. Laŭ opinio de Ĉin Kajĝi kaj de nia amiko Li Shijun (Laulum) estas konsilinde, uzi la vorton "ŝafo" por la ĉina ideogramo "Yang", ĉar en multaj Esperantaj proverboj oni uzas ĝin kiel ĝeneralan nomon de la ĉina "Yang"-ideogramo. MPT de Ĉinio eldonis en la 5-a tago de januaro 1991 specialan poŝtmarkon kun la nominalo de RMB 0,20 por marki la "Jaron de la Ŝafo".




Tiu-ĉi pm montras kapron. Kontraste al tio aperas sur samtema speciala poŝtkarto en la surpresita pm ŝafo, emisiita de la sama MPT en la 15a de novembro 1990. Nominalo de ĝi estas 15 fenoj. Pro supre nomitaj kialoj ni do trovas en niaj ŝafjaraj stampoj foje la vorton "ŝafo", foje "kapro". Se mi ĝuste memoras, similajn problemojn la ĉinoj havas kun la ideogramo por rato kaj muso. Mi direktas koran dankon al nia resaniĝinta Ĉin Kajĝi, kiu sendis detalajn klarigojn kun kompleta bildparto, pm kaj pk. Ankaŭ koran dankon al Zhang Linrui kaj Ding Shihui pro la alsendo de stampoj kun informoj.

**TJ 1991-2 - Ŝafa Jaro-Changde**



Eldonis ĝin la Hunan-provinca Changde-urba Filatela Kompanio. Lige kun tio nia Ĉin Kajĝi klarigis: ...En iuj lokoj oni uzas la nomon: "Filatelia Kompanio", en aliaj lokoj: "Poŝtmarka Kompanio". Ambaŭ estas oficialaj poŝtaj organizoj. Sed la "Filatelista Asocio" estas organizo popolamasa, ne poŝta. La ŝta ni jam montris en LVL 84, p.7, sur kov. Desegninto estis Shi Jie.

**TJ 1991-3 - Kapra Jaro-Changshu**



Farita de Changshu-a PTO. Lige kun la E-a UTK (JF 15). Ŝta kaj UTK designitaj de Zhang Linrui. Sur la UTK kvar ideogramoj, kiuj eldiras: Tri Ŝafoj Simbolas Feliĉon.

**TJ 1991-4 - Ŝafa Jaro-Haikou**

Farita de Hainanprovinca pm-Kompanio. Desegnis; Wang Guangsheng.

**TJ 1991-5 - Kapra Jaro-Haikou**

Farita de Haikou-a pm-Kompanio. Desegnis: Zhang Linrui.

**TJ 1991-6 - Kapra Jaro-Ma´anshan**

Farita de Ma´anshan-a pm-Kompanio. Desegnis: Zhang Linrui.

**TJ 1991-7 - Kapra Jaro-Nanjing**

Sambilda kiel 1991-5. Desegnis: Zhang Linrui. Farita de la Nanjing-a pm-Kompanio.

TJ 1991- 4



TJ 1991- 5



TJ 1991- 6



TJ 1991- 7



**TJ 1991-8 - Kapra Jaro-Qingdao**

Prezentita jam en LVL 84, p.6. Farita de Qingdao-a-pm-Kompanio. Desegnis: Han Mingshen.

**TJ 1991-9 - Kapra Jaro-Suzhou**

Sambilda kiel 1991-5. Farita de Suzhou-a pm-Kompanio. Desegnis: Zhang Linrui.

| TJ 1991-10 - Kapra Jaro-Weihui |

Farita de Weihui-a pm-Kompanio. Desegnis: Zhang Yuanqing.








TJ 1991-8 TJ 1991-9 TJ 1991-10

| TJ 1991-11 - Haikou - E-filatela sekcio |

Haikou 1991. 01.05. LA DATREVENO DE FONDIGHO DE ESPERANT-FILATELA BRANCHO DE FILATELA ASOCIO EN URBO HAIKOU. Desegnis




la stampon kaj E-an memorkoverton Wang Yuzhong kaj Hou Linxiong. Eldonitaj de la Haikou-a pm-Kompanio. La koverto havas n-ron HJF.8. Eldonkvanto: 500 ekz.. Kajĝi informis, ke ne temas pri datreveno, sed fondiĝo.

| TJ 1991-12 Haikou - Telefona numero |




Haikou 1991.03.03. LA TELEFONA NOMBRO (numero?) EN URBOJ HAIKOU KAJ FUCHENG IĜAS DE 5 AL 6 CIFEROJ. Desegnis: Zhang Linrui. Farita de Haikou-a PTO.

| TJ 1991-13 - Beijing - Ĉina E-Ligo |

Beijing 1991. 03.11. 40-JARA JUBILEO DE ĈINA ESPERANTO LIGO. Desegnis ĝin (turo el Muro!) s-anino Wang Ling, membro de la

Pekina EA. Ŝi laboras en la Ĉina Nacia pm-Korporacio kaj jam multe helpis al E-filatelaj aferoj. La stampilon uzis la PTO de Okcident-Pekina Distrikto. Pri la jubileo de ĈEL aperis ampleksa artikolo en EPĈ 1991/3.







TJ 1991-13 TJ 1991-14

| TJ 1991-14 - Beijing - Ĉina E-Ligo |

Beijing 1991. 03.11. CELEBRE AL LA 4-JARA JUBILEO DE ĈEL. Desegnis ĝin Zhang Linrui. Uzita de Okcident-Pekina PTO.

| TJ 1991-15 - Haikou - Pariza Komunumo |




Haikou 1991.03.18. LA 120-A JUBILEO DE PARIZA KOMUNUMO. Desegnis ĝin Zhang Linrui. Uzita de Haikou-a pm-Kompanio.

| TJ 1991-16 - Kaifeng - Pariza Komunumo |

Kaifeng 1991.03.18. 120 JAROJ DE PARIZA KOMUNO (kun eraro) Uzita de Kaifeng-a pm-Kompanio.

| TJ 1991-17 - Nanchang - Pariza Komunumo |






Nanchang 1991.03.18. "La 120-a datreveno de / fondiĝo de Pariza Komunumo / 1871.3.18-1991.3.18.". Desegnis ĝin Mau Hong Ĝen. Uzis ĝin Nanchang-a pm-Kompanio. Sendis ĝin kaj informis nia Cao Xionglin. Li skribis i.a.: ...memore al tiu datreveno ĉina MPT emisiis 18an de marto 1991 specialan pm (J.175). Dankon pro la informo kaj bela afranko!

## GDR 39 kun variaĵo







39-1 posedas dekstre de la kapo la viv-datojn: 1829-1979. Tiun eraron neniu rimarkis el la spertaj E-istoj (Schulze, Beau, Burmeister) antaŭ la pretigo de la stampilo. Tamen oni rimarkis tion en la unua tago de la uzado kaj tuj forigis tiujn datojn. Tiel naskiĝis 39-2. Al mi mankas 39-1 kaj certe al la plej multaj de nia klubo. Kiu entute posedas ĝin? Skribu al mi! Eble oni faris duan stampilon?

## Fekete-sciigioj pri hungaraj novaĵoj

Pri HU 1991 stampoj nia Fekete afable informis, ke ĉi-jare supozeble aperos jenaj stampoj okaze de:

- -Junulara E-Renkonto Pecs (pr.: Peĉ apr. 26-28-
- -Baghy-Kalocsay-Memorfesto, Budapest junio 15-
- -Hungara E-Fervojista Renkonto, Györ julio 6-
- -evtl. VEF 1991 dec.

## 11-a Slovaka E-Kongreso




Nia Vlada Hasala raportis pri tiu stampo kun aldono de pruv-ekzemplero. La sta funkciis de 7-9.12.1990 en POPRAD 1. Tie en samaj tagoj okazis tiu kongreso. Proprad jam dum jardekoj estas aktiva centro de nia E-movado en Slovakio. La sta montras grandan E en terglobo kaj la tekston: 11. ZJAZD -11-a KONGRESO POPRAD 1. (La sta jam aperis en la katalog-suplemento 1991).

# ĜENERALE PRI STAMPOJ

## Pri BG 4 kaj BG 7 kaj la ĉinaj sta

Intensa okupiĝo pri la fenomenoj ĉe la ĉinaj stampoj kondukis min subite al iuj bulgaraj "variaĵoj"! De nia nova ĉina amiko Gao Zhen mi ricevis plurajn ŝafjarajn stampojn el Ĉingdao. Ili ĉiuj ankaŭ posedis normalajn nuligan datstampojn, sed de diversaj poŝtejoj! (Kiel ĉe la nomitaj bulgaraj!) Post mia demando li respondis jene: "En la pm-kompanio de Ĉingdao estis je dispono ruĝ-kaj nigra inkaj stampokusenoj. Tie oni stampis la UTK ktp. per la speciala E-stampilo. Poste oni iras al iu ajn poŝtejo de Ĉingdao por ekspedi la sendaĵon. Kaj la poŝtejo aldonas la nuliga datstampo.

Mi posedas tiujn normalajn datstampojn kun poŝtkodoj: 266021, -32 kaj -44. Teorie, do, eblas minimume 44 "katalogaj-variaĵoj", se oni sekvus en katalogado de ĉinaj stampoj la "bulgaran modelon". Ĉu vi povas sekvi miajn pripensojn?

Alia afero ĉe BG 3 kaj 6. Tie ni scias, ke kaj en Sofio kaj en Varna, kaj, kaj... en Burgas ekzistis apartaj stampiloj. Mi ne certas, ĉu BG 4 vere meritas "Sofio C", aŭ ĉu necesas BG 7 C kaj Ĉ. Finfine eble estas eĉ mi, kiu enkondukis tiun sistemon de "variaĵoj", ĉu prave aŭ ne, momente mi ne kuraĝas diri. Sed ni devas pripensi la tuton! Kaj ja necesas katalogi laŭ iuj ĝeneralaj kriterioj, validaj por stampoj de ĉiuj landoj. Se ĉe bulgaraj ni notas variaĵojn nur pro ne-Esperantaj nuligaj normalaj datstampoj, kiuj akompanas E-poŝtstampojn, tiam ni tion devas praktiki ankaŭ ĉe la Ĉinaj. Skribu viajn pensojn al mi, ankaŭ niaj bulgaraj bonvole skribi al mi (longe mi ne aŭdis vin!).

Mi preskaŭ supozas, ke ankaŭ provincaj E-Asocioj produktas stampilojn aŭ ricevas, eble de la grafikistoj(?) stampilojn. Tio estus klarigo por ekzemplo A:

A= ĉiuj 4 maldekstraj en sama koloro!!! Stampis la sendinto! Signifas, ke la sendinto posedas tiujn 4 stampilojn...

Konkludo: mi persone dubas pri poŝteco de la du mezaj, despli, ke unu el ili preskaŭ identas kun la granda nepoŝta.




B= Ekzistas tamen stampoj en Ĉinio samokazaj kun kaj sen E-teksto. Mi havas tri tiajn




| La unua Esperanto-filatela "hajko" |

Rigard' atenta
Tra l'lupeo fikse al
la stamp' silenta.

Hajkis ĝin nia nova amiko Gao Zhen. Li rimarkis nian "harfendan" okupiĝon pri enhavo de ĉinaj stampoj kaj mem detale priskribas la

E-stampojn de Ĉingdao. Tio eble instigis lin al hajkado. Pardonu, sed mi scias pri "hajko" nur, ke temas pri iu versritmo.

## AFRANKSTAMPOJ

La poŝtejo en Straŝnice jam trian fojon en 1990 uzis afrankstampilon pri-Esperantan. Ĉi-foje dum la tagoj 21.11-20.12.90 por propagandi la 6-an kongreson de ĈEA, kiu okazis 30.11.-2.12. 90 en Třebič. (Rimarko de Hirsch) Tie estis uzita la sama kliŝo dum decembro 1990. En Třebič ili ankaŭ uzis dum januaro 1991 la kliŝon pri F.V. Lorenz el Straŝnice. Post la fino de la esplorado de tiu afero ni denove raportos en LVL.

En la sepkapan ĈEA-estraron la delegitaro denove elektis nian amikon Kočvara kaj unuanfojon Vlada Hasala. Proksime de tiu urbo situas la mondfama E-tendaro Lančov, kiun organizas daŭre la E-klubo en Třebič.

La afrankstampo, kvankam en la ruĝa, estas tre "verdisme" grafikita. Vidu mem. Dankon al Hasala pro la informoj kaj pruvekzempleroj.




La afero kun la ĉeĥaj afrankstampoj ankoraŭ ne fine estas solvitaj. Nia kolektamiko Hirsch parolis dum la Germana Esperanto-Kongreso en Munkeno kun kolektamiko Hasala (CS) kaj li promesis forigi la lastajn malklarajojn. Do, certe en la venonta LVL ni informos vin.

## Propaganda AF el Třebič

Ekde 22 01 1991 en la ĉeĥa urbo Třebič funkcias propaganda AF-stampo (Postalia). Sur la tp videblas la vorto ESPERANTO, telefona numero el Třebič, ponto kaj E-stelo. Ankaŭ ĉi-jare okazos de 1.7-18.8.91 tri someraj E-tendaroj en Lančov, kiujn organizas la E-klubo de Třebič, CS-67401 Třebič. 14 tagoj en kvarlitaj kabanoj kun plena manĝado kostas DM 85,--. 12.8.-31.10. la kabanoj estas lueblaj kontraŭ DM 7,-- po nokto. Dankon al Hasala pro la informoj kaj alsendo de la AF.

La ricevita AF de Třebić ne estas publikigenda, tro hela kaj preskaŭ nelegebla. La AF sekvos en LVL 7(86).

IFEF-AF el Stražnice

Ekde 15 04 ĝis 14 06 1991 la poŝtejo de Stražnice uzos AF kun tp pri la 43a IFEF-kongreso en ĉeĥa lingvo: "43. mezinárodni kongres esperantistů železničářů, OLOMOUC, 11.-17.5.1991. (43-a Internacia Kongreso de E-istoj Fervojistoj).
Dankon al Vlada Hasala pro informoj kaj alsendo de specimeno.








Kuriozaĵo

Jubilea E-stampo en BR jam 1866?



Nia jubilea simbolo: 100-jaroj Esperanto, vere jam aperis sur brazila stampo 21 jaroj antaŭ la apero de Esperanto! Tiun kuriozaĵon nun trovis nia Piton en brazila katalogo pri "mutaj stampoj" sub la numero 573. Kompreneble tiu fakto estas amuza por E-filatelistoj kaj tial ni informas pri tio. Dankon al nia Piton (Saluton al vi!).

## E-POŜTMARKOJ



Kubaj problemoj

Eble ni ĉiuj konas tiun reklamfolion 4E-90 de COPREFIL pri la 75-a UK-pm. Antaŭ nelonge atingis min de Anna-Greta Strönne alia COPREFIL-a folio pri la 75-a UK-pm kun desegnaĵo pri Zamenhof. Kaj nun venis de Amouroux lia E-filatela informo de januaro 1991. En ĝi kopio pri tria COPREFIL-a inform-folio pri pm-serio "MALNOVA HABANO / HEREDAĴO DE LA HOMARO" (5 pm) kun desegnaĵoj pri KATEDRALO DE HAVANO. Mi tute ne scias, ĉu temas pri poŝtaj eldonaĵoj. Neniu el niaj klubaj geamikoj, kiuj partoprenis la 75-an UK informis pri tiuj informfolioj al mi. Eble nia Amouroux klarigis pri ili en sia franclingva artikolo. Sed mi ne komprenas la francan lingvon. Eble nun iu el la francaj geamikoj tradukos tion por mi? Iam ni havis tre bonan kontakton al niaj klubaj amikoj en Kubo, sed ili ekde du jaroj ne plu kontaktas min.

# TUTAĴOJ



(BG) Deklamkonkurso Boteva

En LVL 83, p.5 ni jam montris la tutajkoverton pri la "DEKA INTERNACIA BOTEVA DEKLAMKONKURSO 1990 EN VRACA." Sendis ĝin siatempe s-ro Petko Arnaudov el Pazarĝik al mi.
Nun nia amiko Cirilo Hlebarov trovis en la bulgara "FILATELA REVUO" (n-ro?) p. 19 kaj 20 notojn pri ĝi. La tutajo estis emisiita la 17an de majo 1990 kun eldonkvanto de 2486 pecoj. Ankoraŭ mankas al ni eldondatoj kaj -kvantoj de la Vraca-tutaĵoj el la jaro 1986 (Verda Raketo) kaj 1988 (ILEF).
Koran dankon al nia Hlebarov pro la senditaj informoj.

Telefonkartoj




Estas filatelistoj, kiuj kolektas la enmodiĝintajn t.n. "telefonkartojn". Vendas ilin en iuj landoj la poŝtejoj kaj eblas per ili telefoni el publikaj telefonbudoj, 10-aŭ 50-foje. Antaŭ nelonge la belga telefonkompanio decidis eldoni karton kun la teksto "esperanto internacia lingvo". Eldonkvanto: 1.000 ekz.. Informis : Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen.

# ILUSTRITAJ PK.






Hodiaŭ ni montras al vi bildpoŝtkarton de la LKK de la 7a Internacia Kongreso de Esperanto (UK) en Antverpeno 1911.

# GLUMARKOJ

## SEF - Kongreso 1991

3-5 majo 1990 okazis en Gotenburgo-Svedujo la kongreso de la Sveda Esperanto-Federacio. Nia Anna-Greta Strönne informis pri la kongresaj glumarkoj. Tiuj aperis kiel 5-pecaj strioj. 1 strio kostas 10,-- svedaj kronoj (Preskaŭ 10 $). La figuro sur la gm estas POSEIDON, dio de la maro. Fama puto-figuro ekster la Arta-Muzeo Göteborg sur la placo Göta. En la mano li alten tenas konkon. La ponto en la fono estas la "Älvsborg-ponto", unu el la grandaj vidindaĵoj de Göteborg (Älvsborg estas landparta nomo).
Dankon pro la modela informo!




## Germana E-Kongreso

Ĉu vi ĝin rimarkis sur la lasta LVL-sendaĵo? Mi nur hazarde kaj semajnon post ricevo. Kvankam ĝi portis la noton de Hirsch: "Privata- nur por nia interna uzo", ĝi restas datumita glumarko.
Des pli, ke ne ekzistas "oficiala" glumarko por tiu signifa kongreso. Fakte temas pri la unua tutgermana kongreso postmilita.
Sur la fona kvinpinta stelo la turoj de la "Frauenkirche" (preĝejo de Nia Sinjorino). La enskribo: GERMANA ESPERANTO KONGRESO estas sur silueto de la urbo Munkeno (München). Maldekstre apud la stelo estas enskribo germanlingve pri la kongreso. Tute sube germanlingve "pentekosto" (Pfingsten).




# Trovita




Trovita en svisa aŭkcia katalogo: Tut-No: Michel-U 103 kun trastrekita soveta emblemo kaj surstampita "Feldpost" (militara poŝto), uzita 1942. La esperanta teksto restis, kvankam siatempe, depost 1936, Esperanto estis malpermisita en Germanujo.

**Modellbahn-Hof Burghofen**




Pli ol 330 Esperanto-stampojn, preskaŭ ĉiujn Esperanto-poŝtmarkojn vi trovas en nia vendlisto.

*Krome ni havas ofertliston (germanlingve) pri fervojo (stampoj kaj poŝtmarkoj), fajro-brigado (stampoj kaj poŝt-markoj,stampoj pri aliaj temoj. Poŝtmarkoj el la tuta mondo ni liveras laŭ mankolistoj.*

Ofert-liston Esperanto aŭ fajrobrigado kontraŭ 1 IRK
Ofert-liston fervojo kontraŭ 2 IRK

Modellbahn-Hof Burghofen, A. Neussner
Thüringer Str. 3, D-W-3445 Waldkappel
Tel. 05656/634, Fax 05656/1812, Telex 993283 alko d

(ĉe ni leteroj el eksterlando ne bezonas tradukanton)




Atertu!! Maldekstre ankoraŭ estas indikita: *Kotizo 1990* Tiu n e plu validas!!
Pro diversaj kaŭzoj ni devis ŝanĝi la kotizon, ĉefe pro kurzŝanĝoj.
Provizore ĝi estas: SEK 70 (13 US$ aŭ 15 IRK) Fina decido estos dum la UK en Bergeno (N).

Informilo de ELF-AREK
Esperanto Ligo Filatelista
Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj

| | |
|---|---|
| Redakcio ĉe: | Rudolf Burmeister, W.-Firl-Str. 30, O-9047 Chemnitz, |
| Prezidanto-Kasisto: | Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29, S-171 44 Solna |
| Poŝtĝiro-Konto: | 51 57 85-4, I. Paulsson, Solna (S) |
| Kotizoj: por 1990: | 60 SEK (10 US$ aŭ 20 IRK) |
| Stampobanko: | Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, W-3040 Soltau |
| Kompostis + Ekspedis: | Richard Hirsch, Lambertstr.12, W-6430 Bad Hersfeld |